# PRI NIA REVUO

Jam pli ol unu jaro agadas la Redaktora Komisiono de IFEF. Post la demisio de la redaktoro en 2010 ni decidis daŭrigi la redaktoran laboron, kaj seninterrompe aperigi nian fakan revuon „Internacia Fervojisto”. Inter la membroj de la Redaktora Komisiono agadas la antaŭa redaktoro, tiel ni havas spertulon, kiu saĝe kaj precize helpas la redaktoran laboron. La revuo ne ricevis novan fizionomion, sed kelkaj ŝanĝoj estas sperteblaj. La statuto kaj la regularo de IFEF en §26 preskribas: „La Federacio eldonas oficialan organon. Ĝi estas redaktata laŭ la fundamentaj principoj de IFEF esprimataj en §2 (la celoj) kaj §3 (la neŭtraleco) kaj laŭ „Generalaj Gvidlinioj” fiksitaj de la estraro. Ĝi aperas minimume sesfoje jare”. La Generala Regularo preskribas la titolon de la IFEF-organo, kaj la enhavon de kelkaj jaraj numeroj. La Redaktora Komisiono laboras laŭ tiuj preskriboj.

La plej gravaj taskoj estas rilate al la redaktora laboro:
La revuo „Internacia Fervojisto” estas faka revuo, pro tio ni devas doni avantaĝon por la fervojfakaj eĉ aliaj fakaj artikoloj;
Ni devas trovi taŭgan proporcion inter la fakaj, movadaj, kulturaj kaj aliaj artikoloj;
Sufiĉajn, sed ne tro multajn aktualajn fotojn ni devas meti en la revuo;
Ne estas permesata lasi eraron en la artikoloj, nek enhave, nek gramatike, eĉ nek tajpe, pro tio plurfoje ni devas kontroli la tekstojn.
La preskribitajn redaktofinojn ni dervas ĉiam observi;
Ni devas redakti nian revuon laŭ la gvidlinio, kion pretigis niaj antaŭuloj, kaj ni iomete modifis por la unueca vidmaniero.

La Redaktora Komisiono atendas novajn, aktualajn artikolojn de la landaj asocioj, ĉefe pri la klubvivo, pri fervojaj aktualaĵoj, pri la landaj movadoj, kaj pri aliaj Esperanto-interesaĵoj kaj okazintaĵoj. Ankaŭ ni atendas de la landaj asocioj, eĉ de la unuopaj legantoj opinion, kritikon pri la laboro de la Redaktora Komisiono, kaj proponojn por altigi la nivelon de nia faka revuo. Tiu revuo estas la revuo de la fervojista esperantistaro, kaj ni ĉiuj devas fari ion, eĉ ĉion por ke ni havu ankaŭ en la estonto belaspektan, riĉenhavan kaj valoran fakan revuon.

**István Gulyás**

## Frontpaĝo:

**La Welf-kastelo en Herzberg**

## Enhavo:

Pri nia revuo....82
Herzberg am Harz....83
Aktualaĵoj de la 64-a IFK....85
Aliĝilo por la 64-a IFK....86
Ĉambro-mendilo por la 64-a IFK....87
Provizora programo de la 64-a IFK....88
Protokolo de la publika komitatkunsido....89
La 96-a UK....93
Kunlaboro kun SAT....97
Terminologia angulo....98
Enhavtabelo por la jaro 2011....99
Ni funebras: Mag.Gvozden Sredić....100

# HERZBERG AM HARZ
# LA KONGRESURBO DE LA 64-a IFK

Herzberg am Harz estas ĉarma, idilia urbo en Germanio. Ĝi situas meze de la lando, ĉe la suda flanko de la montaro Harco. Multnombraj trankvilaj anguloj kun malnovaj faktrabdomoj prezentiĝas por la vizitantoj dum la urborigardo. Meze en la centro troviĝas la 6,88 ha granda Jues-lago kun flegataj gazonoj, parkoj kaj subĉiela naĝejo. La rondvojo laŭ la lagetbordo taŭgas ankaŭ por handikapuloj kaj infanĉaroj. La urbo prezentas multflankan oferton por individua feriado, kaj estas ideala elirpunkto por sperti la belecojn de la tuta Harc-regiono.



*Giessner-monumento*

La urbon unue menciis dokumento en la 12-a jarcento. Dum la jarcentoj la urbo kontinue evoluis, estas tradicioriĉa urbo kune kun la aerkuraclokoj Lonau kaj Sieber, kaj la ripozlokoj Pöhlde kaj Scharzfeld.

La plej impona konstruaĵo de la urbo estas la 950-jara kastelo „Welfenschloss”, kiu estas la plej granda faktraba kastelo en Malsupra Saksio. La malnova, nobela familio Welf ekde 1158 posedis la kastelon ĝis 1866. La plej konataj familianoj estis de Henriko la Leono (1129-1195), kaj de diversaj germanaj kaj anglaj reĝoj. La kastela muzeo prezentas unu el la raraj faksimiloj de la evangelia libro de Henriko la Leono, unu el la plej belaj ilustritaj manuskriptoj el la germana mezepoko. Dum la jarcentoj la kastelo estis uzata kiel monta fortikaĵo, duka rezidejo, dukvidvina loĝejo, ĉaskastelo kaj administrejo. La nuna kastelo estis rekonstruata en 1510 post detruiga fajro. La plej aĝaj partoj de la nuna kastelo originas el la 16-a jarcento. La kastelo havas kulturan centron kun muzeo, kiu prezentas la ekonomian kaj socian historion de la kastelo kaj de la urbo Herzberg., kavaliran salonon, kiu havas lokon por 120 homoj kaj estas uzata por koncertoj, prelegoj, konferencoj, ekspozicioj kaj festadoj, eĉ en la kastelo troveblas kastela restoracio.



*Belega palaco en Herzberg*

La urbo havas imponajn burĝdomojn kaj eksajn mastrajn domojn en kelkaj stratoj de la malnova urboparto. La harmoniaj faktrabfasadoj montras la reprezentadvolon de la riĉa burĝaro kaj ties imagoj pri estetika arkitekturo dum tiu tempo. En 1929 la tiama vilaĝo Herzberg am Harz ricevis la urborajtojn



*Malnova urbodomo*

laŭ dekreto de la Prusa Ŝtatministerio. La 1-an de julio 1972 la najbaraj vilaĝoj Lonau, Sieber, Pöhlde kaj Scharzfeld estis unuigitaj kun Herzberg al unueca komunumo.

Jam en la jaro 1868 Herzberg rekte konektiĝis al la fervoja linio Northeim - Nordhausen, kiu ekde la malfermo de la intergermana limo la 12-an de novembro 1989 iom post iom rericevis sian iaman gravecon.

La malnova urbodomo troveblas en la centro de la urbo. Tiu konstruaĵo iam estis fajrobrigada domo, kiu estis rekonstruata en la jaro 1905 kiel urbodomo. Post la dua mondmilito denove okazis internaj ŝanĝoj en la domo, kiam aldoniĝis novaj ejoj kaj balkono. Nuntempe en la domo troviĝas la Turisma Informejo kun granda esperantlingva bonvenigtabulo, la urba arkivo kaj Esperanto-gazetarkivo por Herzberg.

Laŭ la decido de la urba konsilantaro la urbo ekde julio 2006 uzas la oficialan kromnomon „Esperanto-urbo”. Tio estas samtempe bonŝanco kaj defio por la tuta Esperanto-movado. Multaj Esperanto-objektoj, konstruaĵoj kaj informtabuloj troveblas dise en la urbo. Por ni estas la plej grava la Giessner-monumento, kiu staras ĉe la parko de la stacidomo. La monumento estas bela mineja vagoneto kun dulingva biografio pri la elstara fervojista Esperanto-pioniro Joachim Giessner, kiu vivis dum ĉ. 40 jaroj en Herzberg.

La alia Esperanto-objekto estas la dulingva ŝildo sur la domo de la renkontiĝo, kiu funkcias kiel urba kulturdomo. En ĝi troviĝas aparta Esperanto-oficejo.

Estas ege interesa la nova urba rondvojo „Akvo-8”, kiu enhavas 18 informtabulojn kun resumoj en Esperanto pri la historio de la urbo. En Herzberg troveblas multaj restoracioj kun esperantlingva menukarto, kelkaj hoteloj, kaj komfortaj apartamentoj en privataj domoj. En la urbo estas Zamenhof-monumento el marmoro, kaj aliaj ZEO-j.

La plej grava konstruaĵo en la urbo por la esperantistoj estas la „Interkultura Centro Herzberg”. Nuntempe ĝi havas diversajn funkciojn, kiel sidejo de la regiona Esperanto-Societo Sudharco, filio por klerigado kaj kulturo de Germana Esperanto-Asocio, sidejo de la Asocio de Germanaj Esperanto-Instruistoj, la landa sekcio de ILEI, kursejo kaj ekzamenejo. La Centro plenumas ankaŭ la rolon de organiza kaj informa centro pri Esperanto en la urbo Herzberg am Harz.

Do mi povas konstati, ke la 64-a IFEF-kongreso okazos en inda urbo por la fervojistaj esperantistoj, kaj mi esperas, ke ĉiuj partoprenantoj ĝuos la kongreson kaj la etoson en la „Esperanto-urbo”.

**István Gulyás**

# AKTUALAĴOJ DE LA 64-a IFK

La LKK de la 64-a IFEF-kongreso en la mezo de aŭgusto kunsidis, kaj decidis komuniki kelkajn gravajn temojn rilate al la kongreso:

1./ Kvankam la limdato por antaŭpagi estas la 31-a de januaro 2012, LKK petas geamikojn, kiuj jam planas partopreni la kongreson, plej **baldaŭ** sendi sian aliĝilon al LKK por faciligi la preparojn.

2./ Por forta kaj celkonscia publika merkato estas planate inviti televidstaciojn kaj vastan gazetaron. Pro tio estus tre okulfrape, se multaj partoprenantoj aperus en laŭlanda fervojista uniformo. Do ni alvokas niajn gekolegojn partopreni multnombre ĉe la **uniformparado**, eventuale en luita aŭ jam neaktuala vestaĵo.

3./ Laŭ la disdonita invitilo (paĝo 10) aperos aparta kajero kun listo de lueblaj tranoktejoj en privataj domoj. Por simpligi la aferon LKK rezignas pri tiu aparta kajero. Uzontoj indiku en sia aliĝilo nur **krucon** malantaŭ „ferioloĝejo”. Tiukaze LKK proponos taŭgan tranoktejon laŭ la indiko pri alveno per trajno, propra aŭto ktp. La prezo ja egalas en ĉiu ferioloĝejo.

4./ La ĵaŭda duontaga ekskurso D3-N (faka gvido en Nordhausen) **ne** okazos pro jenaj kialoj:
La samtempa ekskurso D3-G estas nur je 2 eŭroj pli kosta kaj tre alloga, ĉar laŭ la invitilo (paĝo 7) temas ne pri veturo sole al Goslar, sed pri montara rondveturo kun 5 survojaj vidindaĵoj. Do verŝajne nur tre malmultaj personoj preferus ekskurson D3-N.
La fervojfakaj specialaĵoj en Nordhausen estas sufiĉe bone prezenteblaj per fakprelego kun lumbildoj. La ŝpurŝanĝa procedo okazas nur malofte, do apenaŭ ĉe nia vizito. Por pagenda gvidado necesus alveno de kompetenta kolego el Wernigerode.

5./ Atingeblecoj al Herzberg per **trajnoj**:
El la sudo kaj okcidento: per ICE trajno ĝis Göttingen, de tie per regiona trajno tra Northeim (Han) al Herzberg. Kelkfoje necesas ŝanĝi trajnon en Northeim. (Vojaĝdaŭro de Göttingen ĝis Herzberg estas ĉ. 42 minutoj, en kazo de ŝanĝo estas iom pli).
El la oriento: per diversaj trajnoj ĝis Nordhausen, de tie per regiona trajno al Herzberg. (Vojaĝdaŭro de Nordhausen ĝis Herzberg estas ĉ. 45 minutoj).
El la nordo: per ICE trajno ĝis Braunschweig Hbf, de tie per regiona trajno al Herzberg tra la haltejo Herzberg Schloss. (Vojaĝdaŭro de Braunschweig ĝis Herzberg estas ĉ. 1 horo, 17 minutoj). Atentu: Herzberg Schloss estas nur haltejo kaj estas plej proksime al la urbocentro, tamen ni rekomendas veturi ĝis la stacidomo Herzberg.

**LKK**

Kongresa n-ro: ☐




# ALIĜILO

**por la 64a kongreso de IFEF 19-25 majo 2012**
**Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo, Germanio**

Adreso de LKK: Interkultura Centro Herzberg (ICH)
DE 37412 Herzberg am Harz, Grubenhagenstr. 6.
Tel./Fakso: 0049/(0)5521-5983 Poŝtel.: 0049/(0)160-98754-190
esperanto-zentrum@web.de http://ifk64.esperanto-urbo.de
Pagu al: BSW Esperanto Banko: Sparda Bank, Berlin
Kontonumero: 2229153 BLZ: 12096597
Ĉe la ĝirado bonvolu nepre indiki: FISAIC-IFK64
IBAN: DE95 1209 6597 0002 2291 53 SWIFT/BIC-kodo: GENODEF1S10

---

**Mi aliĝas al la 64a kongreso de IFEF, Herzberg, Germanio,19–25.05.2012**

S-ro ☐ S-ino ☐ IFEF-membro ☐ Vegetarano ☐ Handikapulo ☐

Familia nomo ................................ antaŭnomo ................................

Strato, numero ................................ urbo ................................

Lando ........................... poŝtkodo ............... naskiĝjaro ........................

Telefono ................................ retadreso ................................

| **Kongreskotizoj** | | **ĝis 31.01.2012** | **ekde 01.02.2012** | **sumo** |
|---|---|---|---|---|
| Kongresano (IFEF-membro) | | € 50 | € 60 | .......... |
| Familiano kaj junulo/ino | | € 25 | € 30 | .......... |
| Kongresano (ne IFEF-membro) | | € 60 | € 70 | .......... |
| Ĉambroperado por aliĝanto | | | € 3 | .......... |
| Tranoktadkosto por la unua nokto laŭ elektita kategorio pagenda (plej malfrue ĝis 31.03.2012 50% repagebla kaze de malmendo) | | | | .......... |
| Urbovizito Herzberg/kastelo, muzeo | D1 | | € 3 | .......... |
| Duontaga trajnekskurso al Göttingen | D2-G | | € 16 | .......... |
| Duontaga ekskurso al Scharzfeld | D2-S | | € 12 | .......... |
| Duontaga busekskurso al Goslar (kaj montara rondveturado) | D3 | | € 18 | .......... |
| Tuttaga ekskurso en Harz-montaro (etŝpura trajno, kun lunĉpakaĵo) | T1 | | € 48 | .......... |
| Balo (saluttrinkaĵo +manĝaĵeto) | | | € 12 | .......... |
| Krompago por LKK | | | € .... | .......... |
| **Entute pagenda sumo** | | | | .......... |

Mi konsentas, ke mia nomo, lando, urbo aperu en la kongreslibro ☐

Loko, dato: .................................... subskribo....................................

Kongresa n-ro ☐

# Ĉambro – mendilo

**Por la 64a kongreso de IFEF, Herzberg am Harz, Germanio, 19a ĝis 25a de majo 2012**

*(bv. plenigi la formularon majuskle)* S-ro☐ S-ino☐

Familia nomo ................................ antaŭnomo ................................

Strato, numero ............................ urbo ......................................

Lando ...................................... poŝtkodo ..........................................

Mi pagos la kotizon de la 1-a nokto je mia aliĝo, la reston al la hotelo.

Mi deziras loĝi kun: ..........................................................................

Mi mendas ĉambron en hotelo: ................. / ferioloĝejo: ..................

| por noktoj: | 18/19 | 19/20 | 20/21 | 21/22 | 22/23 | 23/24 | 24/25 | 25/26 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ | ☐ |

*La prezoj estas por unu nokto kaj unu persono:*

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| **Hotel Englischer Hof** *(kun matenmanĝo)* | 1-lita (€ 55) | 2-lita (€ 50) | | |
| **Hotel Schulze** *(kun matenmanĝo)* | 1-lita (€ 50) | 2-lita (€ 45) | | |
| **Ferioloĝejo** *(sen matenmanĝo)* | 1-lita (€ 30) | 2-lita (€ 25) | 3-lita (€ 20) | 4-lita (€ 15) |

Mi konfirmas, ke mi konsentas la Ĝeneralajn instrukciojn kaj aparte mi deklaras, ke mi havas san- kaj akcident-asekuron por mia restado en Germanio dum la 64a kongreso de IFEF kaj postkongreso, se mi partropenos ankaŭ ĝin.

☐ Mi petas aliĝilon al la Mezeŭropa Kongreso por postkongresi en Berlino inter 26-29.05.2012

Mi venos al Herzberg per ............ la ....-an de majo je la ......-a horo.

Loko, dato:...................................... Subskribo: .........................

# PROVIZORA PROGRAMO DE LA 64-a KONGRESO DE IFEF

| | | |
|---|---|---|
| 19.05.2012<br>sabato) | 10.00-20.00<br>15.00-16.00<br>16.00-18.00<br>20.00-22.00 | Akceptejo / Informejo<br>Kunveno de IFEF-estraro kaj LKK<br>Kunsido de la IFEF-estraro<br>Interkona vespero |
| 20.05.2012<br>(dimanĉo) | 08.00-18.00<br>10.00-12.00<br>14.30-16.00<br>16.00-17.00<br>18.15-18.45<br>20.00-22.00 | Akceptejo / Informejo<br>Solena malfermo, komuna foto, uniformparado<br>D1: Urborigardado kun gvidado en la Esperanto-urbo<br>Prelego pri Herzberg kaj la Harz-montaro<br>Ekumena diservo<br>Nacia vespero |
| 21.05.2012<br>(lundo) | 09.00-14.00<br>08.30-09.15<br>09.30-13.00<br>14.00-17.00<br>19,00-24.00 | Informejo<br>Gazetara konferenco<br>Nepublika komitatkunsido<br>Kunsido de la Faka Komisiono<br>Internacia balo /kun saluttrinkaĵo kaj manĝaĵeto/ |
| 22.05.2012<br>(mardo) | 09.00-12.00<br>09.00-12.00<br>14.00-17.00<br><br><br>20.00-22.00 | Informejo<br>Plenkunsido<br>D2-G: Duontaga trajnekskurso al Göttingen<br>D2-S: Ekskurso al Scharzfeld (publika buso/aŭtoj)<br>(rokoj kaj ruino, Stonpreĝejo, Unukornulo-groto)<br>Koncerto |
| 23.05.2012<br>(merkredo) | 09.00-20.00 | T1: Tuttaga ekskurso per fervojo (HSB) kaj buso al Ilfeld, Wernigerode, (lunĉpakaĵo), Nacia Parko Harz |
| 24.05.2012<br>(ĵaŭdo) | 09.00-13.00<br>09.00-12.00<br>13.00-18.00<br><br>20.00-22.00 | Informejo<br>Fakaj prelegoj<br>D 3: Duontaga busekskurso al Goslar kaj montara rondveturado<br>Kultura vespero |
| 25.05.2012<br>(vendredo) | 10.00-13.00<br>09.00-10.00<br>10.00-11.00<br>11.00-12.00<br>13.30-15.00<br>18.00- | Informejo<br>La venonta IFK prezentas sin<br>Kunsido de Faka Komisiono<br>Movadaj aferoj<br>Solena fermo de la kongreso<br>Adiaŭa vespero |
| 26.05.2012<br>(sabato) | | Hejmenveturo aŭ postkongreso en Berlin<br>partopreneblo en la Mezeŭropa Kongreso |

# PROTOKOLO DE LA PUBLIKA KOMITATKUNSIDO

**en la 63-a IFEF-kongreso en Liberec (CZ) 10.05.2011**

Mallongigoj: Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, Hm = honora membro, Hp = honora prezidanto, l.a. = landa(j) asocio(j). (Landkodoj duliteraj, laü normo ISO 3166)

## 1. Malfermo, konstato de la mandatoj

La Pr Rodica Todor malfermas la kunsidon, salutas kaj bonvenigas la ĉeestantojn.

Ĉeestas estraranoj

| | | | |
|---|---|---|---|
| | Pr | Rodica Todor | (RO) |
| | Vp | Sylviane Lafargue | (FR) |
| | Sk | Vito Tornillo | (IT) |
| Ne ĉeestas: | Ks | Laurent Vignaud | (FR) |

La Sk laŭstatute alvokas la rajtigitojn kaj listkalkulas la ĉeestantojn.

| Lando | Kodo | Komitatano |
|---|---|---|
| Aŭstrio | AT | Ernst QUIETENSKY |
| Belgio | BE | Clara BRACKE |
| Bulgario | BG | Petia ALEKSANDROVA |
| Ĉeĥio | CZ | Jindfích TOMÍŠEK |
| Danio | DK | Jan U. NIEMANN |
| Francio | FR | Jean RIPOCHE |
| Germanio | DE | Achim MEINEL |
| Germanio | DE | Walter ULLMANN |
| Hispanio | ES | Juan C. MIRAS |
| Hungario | HU | Jòzsef CZIBOLY |
| Italio | IT | Romano BOLOGNESI |
| Kroatio | HR | Zlatko HINŠT |
| Norvegio | NO | Rolf BERGH |
| Pollando | PL | Wieslaw LIBNER |
| Rumanio | RO | Rodica GIUHAT |
| Slovenio | SI | Jovan MIRKOVIĈ |

Ĉeestas 16 voĉdonrajtaj k-anoj el 15 landoj.

## 2. 2. Riceviţaj telegramoj, leteroj

La Ĉk laŭtlegas la salutleterojn de: Probal DASGUPTA, Pr de UEA; Georges WALLERAND, Pr de la l.a. de FISAIC en Francio; Moritaka OSIOKA, Pr de la Japana Esperantista Ligo Fervojista; Han ZUWU, Pr de la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio; János PATAY (HU) Hm de IFEF, Radio Vatikana kaj el landoj en kiuj IFEF ne havas l.a.-n (Armenio, Albanio, Brazilo, Izraelo).

## 3. Honorigo al la mortintoj

La Sk legas la nomojn de la mortintoj, pri kiuj oni eksciis de la 62-a IFK-Sofio 2010 ĝis la 63-a IFK-Liberec 2011. Oni honorigas ilin per unuminuta silenta ekstaro; ke ili ripozu pace.

| Lando | Antaŭnomo | Familia nomo | Naskdato | Mortdato | Menciindaĵo |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | Maximilian | RIEDER | | | |
| Ĉeĥio | Zdenék | POLÀK | 12-09-1934 | 01-12-2010 | ĈeFEA gvidanto de TKĈeĥio |
| Ladislav | ŠPÌNA | 11-07-1935 | 07-08-2010 | | Kasisto 63an IFK |
| Ĉeĥio | Danuše | MATÉJÍČKOVÁ | 28-11-1924 | 2010 | |
| Danio | Morgens | GROTH JØRGHENSEN | 27-10-1913 | 24-12-2010 | |
| Francio | Marcelle | ROBIOLLE | 1920 | 18-12-2010 | Edzino de HPr de FFEA |
| Francio | Raymond | ROUSSEL | ? | 11- 02-2010 | FFEA ks |
| Francio | Michèle | GRIMBERT | ? | 25-05-2010 | |
| Germanio | Wilfried | MESTER | 27-03-1925 | 30-01-2011 | |
| Hungario | Zoltánné | MURÁNYI | 1927 | 09-06-2010 | |
| Hungario | Imre | NOVÁKI | 05-11-1924 | 05-02-2011 | |
| Hungario | Lászlóné | RÁCZ | 1927 | 09-06-2010 | |
| Hungario | József | PÁL | 1940 | 15-12-2010 | |
| Italio | Antonia | BONOMI | 04-01-1926 | 06-04-2011 | |
| Italio | Alberto | MENABENE | 11-03-1926 | 05-09-2009 | |
| Nederlando | Jan | POPTIE | 01-04-1923 | 22-01-2011 | Iama IFEF-SK |

## 4. Estraranaj raportoj

### 4.1. Sekretario

La Sk legas la resumon de la raporto aperinta en la n-ro 2011.1 de IF. Unuanime aprobita.

### 4.2. Redaktoro

Raporto aperis en IF n-ro 2011.1. Unuanime aprobita.

### 4.3. Kasisto

La Revizorino Jeannine Daguin legas la buĝeton anstataŭ la ne ĉeestanta Ks (aperinta en la n-ro 2011.2 de IF). Aprobita kun unu sindeteno.

Oni rimarkas, ke la plej grava elspezo de IFEF estas la eldono de la revuo Internacia Fervojisto, la Pr instigas al la diskutado por trovi manieron ŝpari monon por la Federacio. La Hp Bolognesi parolas pri tio montrante la analizon, jam farita kun la Ks kaj la Sk, kies tabelo kun ciferoj estis sendita antaŭ la kongreso al ĉiuj k-anoj kaj aliaj membroj petante reagojn al ĝi, sed ne multaj alvenis. La tabelo klare montris ke por ŝpari monon IFEF devos celi ĉesi la presadon kaj sendadon de IF papere. Pli efika solvo estos la sendado, fare de la Rd, rete al ĉiuj l.a. Ĉi maniere la respondeculo de la l.a. resendos rete al propraj membroj kaj se necesas printi kopiojn por la ne havantaj komputilojn, ili mem povos printi ĝin. Gulyás, kiel respondeculo de IF montris kelkajn eblecojn rilate al la nuna stato: 1) ĉesigi la presadon

de IF, 2) malaltigi la nombron de ĝiaj ekzempleroj, nun 400, 3) malaltigi la adresojn de la ne membroj de IFEF (aliaj gazetoj, muzeoj ktp). Niemann proponas ke la l.a. mem printu IF por la enlandaj institucioj. Mirković diras ke li esploris la eblecon printi en Slovenio la revuon kaj por li estas pli multekosta ol la nuna presado. El ĉiuj l.a. nur 4 akceptis nur rete ricevi la bultenon (Danio, Francio, Italio, Rumanio), pri kiuj eventuale oni povos ne altigi la kotizon en la estonto. Oni voĉdonas, rilate al la temo de la punkto 12., kiu aprobiĝas kun unu sindeteno.

**5. Protokoloj 62-a IFK Sofio (BG)**

Senditaj al k-anoj, unuanime aprobitaj.

**6. Raporto de la ĉefkomitatano**

Ĉk legas la raporton. Unuanime aprobita.

**7. Kongrespropono(j)**

**7.1 Elekto estrarano, redaktora gvidanto.**

La Ĉk legas la kongresproponon. Post kelkaj klarigoj sekvas la voĉdonado, kun 15 por kaj 1 sindeteno. István Gulyás, post unu jaro da paŭzo, membras denove en la e-o kun la tasko de Rd, kiun li jam plenumas kun la helpo de kunlaborantoj: Jean Ripoche, János Patay kaj József Cziboly. Li aliĝas al la e-o ĉe la podio kaj dankas la k-on pro la elekto.

**8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**

**8.1 Gvidanto**

Jan Niemann prezentas la Fervojfakan Kajeron n-ro 19.

**8.2 Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)**

Ladislav Kovár parolas pri la agado de la pasinta jaro: okazis seminario en Česká Trebová
malfermita al la publiko kunlabore kun la urbo. Oni prezentis prelegojn pri la historio de IFEF
kaj la Esperanta Movado. Partoprenis ĉ. 80 personoj.
Kelkaj membroj de IFEF en Berlino partoprenis en la “Innotrans”-foiro.
Li preparis fakajn prelegojn por la nuna kongreso en Liberec.
Niemann parolas pri la fervojista tago dum la UK en Kopenhago, kun vizito al la nova
konstruita metroo. Unuanime aprobita.

**8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)**

Heinz Hoffmann parolas pri la novaj terminoj aperintaj en PIV, kiuj estis akceptitaj sen diskutoj. Pri RailLexic: oni povas uzi la vortaron en reto senpage. Unuanime aprobita.

**9. Raportoj de la komisiitoj**

**9.1 Komitatano „A” de IFEF ĉe UEA.**

La Vp raportas pri la 82-a UK en Havano. Dimanĉon posttagmeze nur

eŭropanoj partoprenis la kontakt-kunvenon de la fervojistoj, bedaŭrinde nur 5 homoj, dum kiu s-ino Sylviane Lafargue legis la raporton de István Gulyás, kiu pro malsano ne povis flugi al Kubo. Unuanime aprobita.

**10. Resumo de la jarraportoj 2010 el la landaj asocioj**

Ĝis nun 14 l.a. sendis raporton. Resumo pri ili aperos en IF. Unuanime aprobita.

**11. Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj**

La Ĉk raportas pri la reago al siaj alvokoj alvenintaj sen tro da entuziasmo el kelkaj landoj, ekz Izraelo. Por reklami pri IFEF Niemann parolas pri uzo de retaj rimedoj. Unuanime aprobita.

**12. Buĝeto 2012, kaj kotizkonfirmo**

Jam traktita kaj aprobita en la punkto 4.

**13. Rilatoj al aliaj organizoj: UEA, FISAIC**

**13.1 UEA**

Dum la Universalaj Kongresoj IFEF aktive kunlaboras kun aliaj fakaj asocioj precipe kun UMEA, ILEI, ISAE.

**13.2 FISAIC**

La rilatoj daŭras, la FISAIC Pr Gieres estas invitita, kaj li promesis ĉeesti en la venonta IFK, ankaŭ se la perspektivoj por la FISAIC mem ne estas tiel rozkoloraj.

**14. Venontaj kongresoj**

**14.1 Konfirmo de invito al la 64-a IFK en 2012**

GEFA prezentas la proponitan urbon: Herzberg am Harz-Esperanto-urbo. Unuanime aprobita.

**14.2 Elekto de lando por la 65-a IFK en 2013**

FFEA sin proponas por organizi la kongreson en Francio; antaŭvidita urbo Artigues-près-Bordeaux, de la 4-a ĝis la 11-a de majo 2013. Unuanime aprobita.

**14.3 Diskuto pri pluaj eblecoj**

Ĝis nun neniu sin proponis.

**15. Eventualaĵoj**

Diskuto pri la dua kongrespropono prezentita de GEFA, traktata en ĉi tiu punkto ĉar ĝi alvenis post la limdato de la 31.12.2010. S-ro Meinel klarigas la temon kaj proponas al la l.a. pridiskuti interne kaj venontjare prezenti proponojn por alveni al iu solvo. Niemann instigas pridiskuti ankaŭ rete. Aliaj proponoj kaj ideoj venis: mallongigi la kongreson per unu tago, okazigi la tuttagan ekskurson en la lasta tago antaŭ la postkongreso, reorganizi la programon kun unuiĝo de la laboroj dum la unuaj tagoj, kongresi kune kun landaj kaj fakaj esperantaj asocioj.

**16. Libera diskutado**

Niemann informas la fervojistojn, kiuj partoprenos al la UK en Kopenhago, ke esperantista amiko povos disponigi tranoktadejon je favora prezo, en la urbo Næstved.
Quietensky invitas ĉiujn al la fervojista aranĝo en Aŭstrio por la inaŭguro, en novembro, de la nova okcidenta stacidomo en Vieno.
Manke de aliaj intervenoj, la Pr fermas la kunsidon.

Liberec, 10.05.2011

La sekretario
**Vito Tornillo**

# LA 96-a UNIVERSALA KONGRESO de ESPERANTO

En la historio de la Universalaj Kongresoj de Esperanto jam kvarfoje okazis UK en la dana ĉefurbo Kopenhago. En la kuranta jaro, inter la 23-a kaj 30-a de julio okazis la 96-a UK en Kopenhago, en kiu partoprenis 1458 esperantistoj el 66 landoj. Kopenhago estas tre populara kongresa urbo kun multjara sperto, kiel gastiganto de ĉiuspecaj kongresoj. Estas tute nova kaj moderna la kongrescentro „Bella Center”, kiu situas en la nova urba kvartalo „Orestad”. Tiu kongrescentro estis la kongresejo de la 96-a UK.



*La prezidantaro dum la inaŭguro en la UK*

La Kongreso komenciĝis sabate posttagmeze, kiam la *Komitato de UEA* unue kunsidis. Dum la kunsido la komitatanoj elektis novan Elektan Komisionon, kies ĉefa tasko estos prepari la elekton de la estraro de UEA en 2013, kaj akceptis la proponon por ŝanĝi la Elektan Regularon. Fine la komitato akceptis la Estraran Raporton pri la agado en 2010 kun ĝi la Spezokonton kaj la Bilancon de 2011.

Sabate vespere okazis *Movada Foiro*. Amaso de kongresanoj vizitis la tablojn, kie pli ol 60 landaj kaj fakaj asocioj, kulturaj centroj, eldonejoj kaj aliaj Esperanto-organizaĵoj prezentis siajn agadojn, estontajn planojn per revuoj, informiloj, eldonaĵoj. Inter la fakaj asocioj partoprenis nia Federacio (IFEF), kaj apud nia tablo la „Interkultura Centro Herzberg”. Ambaŭ organizaĵoj publikis kaj prezentis la 64-an IFEF-kongreson, kiu okazos en la Esperanto-urbo Herzberg en la venonta majo. La Movada Foiro prezentis la asociajn agadojn, la fakajn uzeblecojn de la lingvo Esperanto, fanfaronis la kunlaborojn kaj pacajn kunestadojn inter la diversaj homoj de la tuta mondo.

La *Solena Inaŭguro* okazis dimanĉe antaŭtagmeze, kie ĉeestis kelkaj ambasodoroj, gravaj personoj de la lando kaj la ĉefurbo. Komence la kongresanoj omaĝis per silenta minuto al la viktimoj de la ĵus okazinta terorisma atako en la najbara Norvegio. Poste oni laŭtlegis tri gravajn mesaĝojn de Irina Bokova, ĝenerala direktoro de Unesko, de d-ro Luis Zaleski-Zamenhof, nepo de Zamenhof, kaj de Walter Gerhard, la urbestro de la



*La urbodomo en Kopenhago*

Esperanto-urbo Herzberg.



*La kongresejo ”Bella Center”*

Dum la inaŭguro la sekretario de UEA anoncis tri novajn Honorajn Membrojn de UEA, nome: Detlev Blanke (Germanio), Renato Corsetti (Italio) kaj Rob Moerbeck (Nederlando).

Poste la prezidanto de UEA Probal Dasgupta festparolis, en kiu li reliefigis la gravecon de la dialogo inter la junaj kaj maljunaj esperantistoj, inter la esperantistoj kaj la neesperantistoj.

La ĉijaran Kongresan Temon enkondukis la reĝisoro José Antonio Vergara. La temo estis: ”Internacia Jaro de la junularo: dialogo kaj interkompreno.”

Fine okazis la salutoj de la reprezentantoj de la ĉeestantaj landaj asocioj.

Dimanĉe posttagmeze okazis la tradicia *Fervojista kontaktkunveno*, kie partoprenis 23 kongresanoj el 12 landoj. Post salutvortoj Sylviane Lafargue vicprezidanto de IFEF, komitatano „A” de IFEF ĉe UEA, rememorigis kelkajn gravajn eventojn el la historio de la fervojista Esperanto-movado.

D-ro Imre Ferenczy, la prezidanto de UMEA parolis pri la kunlabora interkonsento inter IFEF kaj UMEA, kaj konigis pri la sukceso de la Fervojista Amika Renkontiĝo en Hungario.

Rodica Todor, la prezidanto de IFEF raportis pri la lasta 63-a IFEF-kongreso, okazintą en majo en la ĉeĥa urbo Liberec, en kiu partoprenis 173 kongresanoj el 18 landoj. Ŝi parolis pri la fakaj, kulturaj kaj ekskursaj programoj, kaj konstatis, ke la kongreso sukcesis bonege, kaj la organizantoj faris bonrezultajn laborojn.

Walter Ullmann el Germanio anoncis nian venontan kongreson en Herzberg – la Esperanto-urbo – inter la 19-a kaj 25-a de majo 2012. Li parolis pri la antaŭprepara laboro kaj pri la programo de la kongreso.

István Gulyás, la gvidanto de la Redaktora Komisiono de IFEF informis la ĉeestantojn pri la laborplano de IFEF, kaj akcentis, ke „ĉiuj asocioj aŭ aliaj organizaĵoj bezonas iun gvidfadenon por efike kaj regule agadi. Tiu fadeno estas la laborplano, kiun IFEF pretigis por tri jaroj laŭ la dekjara laborplano de UEA. Tiu laborplano enhavas konkretajn taskojn por la Federacio, por la landaj asocioj de IFEF, kaj por la komisionoj kaj komisiitoj.”

La partoprenantoj de la kunveno



*La statuto de ”malnovaj blovinstrumentoj”*

alparolis pri kelkaj aktualaj temoj: pri la izraelaj fervojistaj Esperanto-kluboj; pri la kunlaboro de la fervojistaj kaj nefervojistaj esperantistoj en Rumanio; pri la kunlabora interkonsento inter IFEF kaj ISAE, kaj de tiu preparo inter IFEF kaj ILEI; pri la manko de gejunuloj en la fervojista Esperanto-movado, k.a.

Lunde okazis la prelegserio de la *Kleriga Lundo* en tri blokoj. La entute 15 prelegoj estis aktualaj kaj altnivelaj. La plej interesaj estis la prelego de d-ro Humphrey Tonkin kaj Stefano Keller pri UN, de Zsófia Kóródy kaj Peter Zilvar pri la Interkultura Centro en Herzberg, de Marek Blahuŝ pri Vikipedio kaj de Brian Moon pri la traduko en multlingvaj medioj. Amasoj de la kongresanoj partoprenis tiun.

La Internacia Kongresa Universitato jam atingis la 64-a sesion. Marde ankaŭ okazis *IKU-prelegoj*. El la naŭ prelegoj estis la plej interesa prelegado fare de Kadoya Hidenori japana esploristo kun la titolo: „Vikinga epoko, naciismo kaj historiografio”. Ankaŭ estis ege interesa prelego de Eva Bojaĝieva, bulgara biokemiisto kun la titolo: „Oksigeno – utila kaj danĝera por la homo”. La IKU-prelegoj ĉiam estas aktualaj, kaj ne nur diras por la fakuloj aŭ sciencistoj, sed por la vasta publiko.

Ankaŭ marde okazis la sep-hora *Tago de la Lernejo* kun 19 prezentaĵoj pri instruado el ĉiuj kontinentoj, kaj plie valoraj fakaj prelegoj kaj diskutoj. La ĉeftemo estis: „Edukado per kaj por Esperanto”. Pli ol 140 kongresanoj partoprenis la tagon. En la kadro de la tago ILEI aktive intervenis en pluraj aspektoj de la laboro de la Komitato de UEA, precipe pri la graveco de la pli bona instruado kaj instruista trejnado, eĉ reliefigo de kelkaj strukturaj reformoj realigitaj en ILEI, kiuj formas proponeblan bazon por similaj reformoj en UEA.

Pli ol 30 reprezentantoj de fakaj asocioj kunvenis marde posttagmeze en la *Faka Forumo*. La estrarano pri „Scienca kaj faka agado” Amri Wandel parolis pri la lastatempa enketo pri fakaj asocioj, kaj plendis, ke nur kelkaj fakaj asocioj plenigis la enketilon, pro tio la estraro de UEA ne ricevis realan bildon pri la faka agado. Pluraj reprezentantoj prezentis siajn asociojn kaj ties agadojn, inter ili ni parolis pri IFEF kaj pri la kunlaboraj interkonsentoj kun UMEA kaj ISAE, kaj pri la preparo de la kunlaboro kun ILEI.

Merkrede estis la ekskurstago, kiam okazis *Fervojfaka Ekskurso*. Pluraj gekolegoj kaj interesantoj partoprenis la duontagan ekskurson al la bontenad-centro de la kopenhaga metroo. Tie la gvidanto de la centro prezentis la kontroladan kaj riparadan laboron de la metroo-vagonoj, la funkciadon de la aŭtomata trajnregado kaj bloksistemo. La ĉeestantoj povis rigardi la ĉambregon de la centralizita ekspluatad-regado kun interesa klarigado. La partoprenantoj estis konvinkitaj pri



*Partoprenantoj en la fakekskurso*


La statuto de Frederiko la sepa

akordigita laboro. Post la vizito de la centro la partoprenantoj veturis per metroo al la centro de Kopenhago, kie momente oni konstruas la „Cityring" ringlinion, kiu estos la tria etapo de la kopenhaga metroo. Gvidis nin Jan Niemann gvidanto de la Faka Komisiono de IFEF. Li profesie klarigis la plej grandan evoluprojekton de la metroo. Li prezentis per mapo la novan traceon, kiu estos 15,5 km-jn longa, kaj havos 17 staciojn. Laŭ la planoj la ringfervojo subtera estos preta en 2018. La Cityring-linio kunligos la urbajn diversajn transportrimedojn – metroo, S-trajnoj, regionaj trajnoj kaj aŭtobusoj – kaj tio estas unu el la grandaj avantaĝoj. Precipe en la centro de la urbo – la malnova parto de Kopenhago – estas granda defio novkonstrui staciojn kaj subterajn tunelojn, kaj daŭre konservi la malnovan medion. Multaj kvartaloj ŝanĝiĝos, kaj estos interese vidi la efikon de unu el la plej grandaj projektoj en Kopenhago.

Ĵaŭde okazis la kunsido de la *Subkomitato Scienca kaj Faka Agado.* Tiun gvidis M. Fettes kaj A. Wandel, kiuj helpe de la partoprenantoj preparis rezolucion, kiun la Komitato de UEA aprobis en sia vendreda kunsido.

Dum la kongresa semajno okazis entute ses *prelegoj pri Danio.* En tiu kadro ĵaŭde prelegis la geedza paro Lene kaj Jan Niemann pri Gronlando. La plej granda insulo de la mondo estas Gronlando, kiu estis iama regiono de Danio, kaj nuntempe estas survoje al kompleta memstareco. La geedza paro Niemann vivis dum kelkaj jaroj en Gronlando, kaj ili per lumbildoj kaj interesa klarigo prezentis Gronlandon, la iomete severan naturon kaj la ĉiutagan vivon. Estis ege interesa prelego kun partopreno de multaj kongresanoj.

Vendrede okazis la dua parto de la *Komitatkunsido.* La plej grava temo estis la trakto de la rekomendoj de la ok subkomitatoj. La komitato akceptis la rekomendojn kaj fine la Kongresan Rezolucion.

En la kongresa semajno okazis multaj kulturaj prezentadoj, kaj interesaj duon- kaj tuttagaj ekskursoj.

*La Solena Fermo* de la kongreso okazis sabate antaŭtagmeze. La prezidanto de UEA Probal Dasgupta bonvenigis la ĉeestantojn, kaj poste la sekretario de UEA Barbara Pietrzak raportis pri la kongreso kaj taksis la rezultojn. Ŝi anoncis, ke la 98-a UK en 2013 okazos en Rejkjaviko, Islando. La vicprezidanto Claude Nourmont raportis pri la rezultoj de la Belartaj kaj Oratoraj Konkursoj. La ferman festparolon faris la prezidanto de UEA, kiu taksis la 96-an Universalan Kongreson rezultohava kaj bone organizita. Fine la LKK-prezidanto transdonis la kongresan flagon al la prezidanto de LKK de la 97-a UK, kiu okazos en Hanoi, ĉefurbo de Vjetnamio en 2012.

**István Gulyás**

# Kunlaboro kun SAT

En la jaro 2007 mi ricevis inviton partopreni la kongreson de IFEF, kiel prezidanto de la Plenum-Komitato de SAT. Volonte mi estus akceptinta la inviton, sed tiam mi havis taskon, kiun mi jam akceptis pli frue. Ĉar la kontakto kun IFEF por mi estis tre grava, mi petis al la tiama ĝenerala sekretario de SAT, kiu loĝas en Parizo, la urbo de la kongreso, por reprezenti SAT. Sed tiam ne sufiĉe oni kaptis la okazon por plifortigi la kontaktojn, eventuale la kunlaboron kun IFEF.

Unu jaron antaŭe, en la jaro 2006 la SAT-kongreso estis organizita kun forta helpo de la Beograda Fervojista Esperanto-Societo "Branko Maksimoviĉ". Plie, multaj membroj de IFEF estis ankaŭ membroj de SAT kaj inverse.

Kiam ni iom studas la historion de ambaŭ asocioj, oni venas al pluraj punktoj, kiuj ligas nin. Ambaŭ asocioj estas politike sendependaj, ambaŭ asocioj estas klerigaj, ambaŭ asocioj uzas Esperanton kiel laborlingvon.

La malkontento maltrafis la kontakton en Parizo, restis en mia memoro dum jaroj kaj kiam mi renkontis Rodica Todor, la nunan prezidanton de IFEF, mi parolis pri la bedaŭrinda afero, kiu okazis jarojn antaŭe. Kiel prezidanto de la Organiza Komitato de la SAT-kongreso – okazinta pasintjare en aŭgusto en Braŝovo – dum pluraj monatoj mi havis ĉiutagan kontakton kun ŝi.

Rodica ĉiam estas preta varbi por IFEF kaj sen devo multe penadi, mi aliĝis kiel individua membro al tiu asocio.

Dum la kongreso en Braŝovo ni jam konsentis, ke estis bedaŭrinde, ke ambaŭ asocioj ne havas pli fortajn ligojn kaj ne pli forte kunlaboras. Mi aŭskultis la opiniojn de SAT-membroj kaj neniu negative reagis, kiam mi proponis pliproksimiĝi al IFEF.

La 16-an de septembro 2011 Rodica Todor prelegis en mia loka klubo en Antverpeno. Por danki kion ŝi faris por SAT, mi proponis ĉiĉeroni ŝin en urboj de Flandrio. Tiu plano de ĉiĉeronado rapide ŝanĝiĝis en kunsido de du prezidantoj, kiuj klopodis konvinki unu la alian pri la valoro de propra asocio. Konklude, la demando estis: ĉu tiuj asocioj ne povus kunlabori pli?

Ekzemple havi komunan kongreson rilate turismajn kaj kulturajn erojn, kongreson, en kiu ambaŭ asocioj povas havi propran jarkunsidon, sed komunajn distraĵojn.

Jam SAT faris tion kune kun ILEI en al jaro 2004 en Bratislavo. Estis bona kongreso, en kiu ni interkonatiĝis kun aliaj esperantistoj, en kiu ni interŝanĝis spertojn kaj sciojn.

Rodica kaj mi adiaŭis sciante, ke ni devas plie pripensi, plie diskuti pri kunlaboro. Ni faris la unuajn paŝojn kun konvinko, ke ni komencis konstrui iun bonan vojon.

En SAT-kongreso en Sarajevo la 4-an de aŭgusto 2011 prelegis Pavlin Boevski. Li estas ege afabla homo kaj sperta fervojisto, kiu gvidis nin tra la historio de la fervojo. Multaj kongresanoj estis tiel entuziasmaj pri lia prelego, ke ili petis lin reveni.

Ĉu la prelego de sinjoro Boevski estis la komenciĝo de nova kunlaboro inter SAT kaj IFEF? Mi esperas, ke estas tiel. La estonto klerigos nin.

**Jakvo Schram**
Prezidanto de Plenum-Komitato de SAT

**Rimarko por la artikolo en la 97-a paĝo**

*IFEF bonvenigas la iniciaton de SAT, kaj la estraro de IFEF instigas la landajn asociojn por krei interrilatojn kun la landaj SAT-organizaĵoj. IFEF jam havas spertojn pri la favora efiko de la kunlaboro kun aliaj Esperanto-organizaĵoj. Kun la medicinistoj (UMEA) jam ekde 1997 estas kunlabora interkonsento, kaj ni efike agadas komune laŭ tio. Kun la sciencistoj (ISAE) antaŭ du jaroj ni faris interkonsenton, sed tiun ni devas firmigi kun la nova estraro de ISAE. Momente IFEF faras komunan preparlaboron kun la instruistoj (ILEI) por komuna interkonsento, kaj mi esperas, ke la kunlaboro estos fruktodona al ambaŭ organizaĵoj. Do ni agadu komune per Esperanto por Esperanto!*

**La redaktoro**

# Terminologia angulo

## Pri la radiko „naved-"

En fervojfakaj tekstoj ofte troviĝas fakvortoj kun „navet-" aŭ „naved-"- en tri tute diversaj rilatoj. Necesas malimpliki la ĥaoson. Pri tio aktuale diskutas IFEF-Terminara Sekcio surbaze de Terminara Kuriero 142. Komence rimarku, ke 2002 oni en PIV ŝanĝis „navet-" al „naved-". Tie navedo estas ilo por teksomaŝino, per kiu la veftofadeno estas transportata laŭ ir-reira movo. La dua adjektivo „naveda" signifas „ir-reira". Kie en trafiko indas uzi la radikon en metafora senco?

Unue koncernas pasaĝeron, kiu en mallongaj intertempoj (ĉiutage) veturas per trafikilo tien-reen inter du lokoj (loĝloko kaj labor- aŭ lernejloko). Tian homon oni povas nomi **navedulo**, la koncernan trafikon **navedula trafiko,** kiu povas esti kaj laboristara trafiko kaj lernantara trafiko.

Dua kazo por trafikrilate uzi la radikon „naved-" koncernas ripetan tien-reen-iro de veturiloj, kiuj normalkaze libere diversvoje cirkulas, nome varvagonoj. Por tio ekzistas la termino **naveda varvagono**. La termino **Naved(vagonar)a trajntrafiko** povas koncerni kaj vartrafikon – nome kun navedaj varvagonaroj – kaj pasaĝertrafikon. Kvankam pasaĝervagonaroj ja preskaŭ ĉie iras-reiras, navedeca specialaĵo estas kurtdistanca, precipe al- kaj interkonduka trafiko en mallongaj intertempoj – internacie vaste konigata kiel *shuttle*-trafiko.

Tria motivo por trafikrilate uzi la radikon „naved-" koncernas trakcimanieron, ĉe kiu lokomotivo kuplita ĉe unu kapo de vagonaro, trenas aŭ puŝadas ĝin, kaj la lokomotivo estas ambaŭkaze stirata de kondukistejo ĉe la respektiva trajnkapo, do de kondukistejo en la lokomotivo, respektive en alikapa speciala strivagono. Do ne necesas, antaŭ retroveturo manovrigi lokomotivon al la alia kapo de la vagonaro. Tamen, por ne konfuzigi legantojn, mi tiukaze rekomendas ne uzi „naved-", sed trovi alian solvon, ekzemple **trena-puŝada trakcimaniero**.

Cetere, „naveda trajno" ne povas ekzisti, ĉar unuopa trajno veturas principe nur unudirekte (vidu trajnnumerojn), sed vagonaro kaj trajnkompleto povas, trajnparo eĉ devas ir-reiri.

**Heinz Hoffmann**
sekretario de IFEF-Terminara Sekcio

# ENHAVTABELO POR LA JARO 2011

## IF 2011.1

Redaktora raporto 2
Nia venonta 63-a kongreso 3
La postkongreso de la 63-a kongreso 8
Biografioj de honoraj membroj 12
Israelaj Fervojoj evoluas 14
Müngsten-ponto 16
Jarkunveno de la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio 18
Honorigitoj de IFEF 19
Ni funebras: Ladislav Spina
inĝ. Zdenék Polák 20

## IF 2011.2

Pensoj pri la agadplano 22
El kongresa lando 23
Servoj por faciligi vojaĝon 25
Tagordoj de la 63-a IFEF-ngreso 26
Raporto de la kasisto 2010 27
Ĉeĥaj fervojaj „la plej” 28
Jaromir Babicka 29
Honora membro de ĈEA 31
La 18-a Internacia E-semajno 32
Grandrapidaj trajnoj „Sapsan” trafikas en Rusio 34
Fervojaj novaĵoj el Ĉinio 37
El fervoja mondo 38
Terminologia angulo 40

## IF 2011.3

Ekskurso dum la 96-a UK 42
El kongresa lando 43
Jarraporto de la sekretario 2010 45
Kongresproponoj 46
Herzberg am Harz la Esperanto-urbo 47
Terura tertremo kaj cunamo en Japanio 49
Printempa estrarkunsido de IFEF 50
Krozanta babelturo 51
La 27-a Internacia Festivalo en Nördlingen 53
SIA 2011 en Rumanio 55
Grandrapida Zefiro 56
Trajnoj kunligos BBI kun la ĉefurbo 58
Aperos porokaza poŝtmarko 59
Terminologia angulo 60
Ni funebras: Johano Poptie 60

## IF 2011.4-5

Kongresaj pensoj 62
IFEF kongresis en Ĉeĥio 63
Festparolo de la Prezidanto 68
Resuma jarraporto por 2009 71
Denove pri la tertremo kaj cunamo en Japanio 74
Raporto de la ĉefkomitatano 75
Raporto de la Fake Aplika Sekcio 76
Raporto de la Terminara Sekcio 77
Resumo de la ĉefa prelego 78
Fervojfaka ekskurso dum la 96-a UK 79
Naskiĝdatreveno 80

## IF 2011.6

Pri nia revuo .82
Herzberg am Harz 83
Aktualaĵoj de la 64-a IFK 85
Aliĝilo por la 64-a IFK .86
Ĉambro-mendilo por la 64-a IFK .87
Provizora programo de la 64-a IFK .88
Protokolo de la publika komitatkunsido 89
La 96-a UK 93
Kunlaboro kun SAT .97
Terminologia angulo 98
Enhavtabelo por la jaro 2011 . 99
Ni funebras: Mag.Gvozden Sredić 100

**INTERNACIA FERVOJISTO**

**62-a eldonjaro**

Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto -Federacio**

**Prezidanto:** Rodica Todor
B-dul. Valea Cetatii nr.22,
bl. B 24, sc. A, ap.5
RO-500289 Brasov
„rodica_todor@yahoo.com“

**Vicprezidanto:** Sylviane Lafargue
8 bis avenue Anatole France
FR-94600 Choisy-le-Roi
„sylviane.lafargue@dbmail.com“

**Sekretario:** Vito Tornillo
Via Salvo D'Acquisto 9/5
IT-40050 Monte San Pietro (BO)
„vitorni@virgilio.it“

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
„laurent.vignaud@free.fr“

**Redaktora komisiono:**
**Gvidanto:** István Gulyás
Rákos ut 98. I/9
HU-1155 Budapest
„istvan.gulyas@hdsnet.hu“
**Membroj:** J. Cziboly, J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
**Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud“**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 Eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo**:
Menetjegynyomda Kft
Jászberényi út 55
HU-1106 Budapest
**„www.ifef.net“**
ISSN 0230-323x

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
„niemann@kabelmail.dk“
SK: D-ro Heinz Hoffmann
„hoffmann-ifef@cablemail.de“
SK: Inĝ Ladislav Kovář
„ladislav.kovar@worldonline.cz“




Ekde nun rezervu la datojn por ĉeesti la venontan IFEF-kongreson okazotan en **Herzberg** (Germanio) de la 07-a ĝis la 14a de majo 2011. Petu informojn kaj aliĝilojn ĉe viaj landaj asocioj.



## Mag. Gvozden SREDIĆ (1935 – 2011)

Internacie granda kordoloro batis la fervojistajn esperantistojn, la 9-an de oktobro en sia 76-a jaraĝo nia samideano mag. Gvozden Sredić ekdormis por eterne.

Li estis diplomita ekonomiisto, eminenta fervojisto, verkisto, vortaristo, tradukanto, preleganto kaj funkciulo. Krom la gepatra lingvo li regis tri fremdajn lingvojn. En lia faka kariero li laboris ĉe la internacia fervoja kompanio *Intercontainer* en Svisio. Li alproprigis Esperanton en 1953. Poste dum sia tuta vivo li estis entuziasma kaj aktiva esperantisto, multe okupiĝis pri la landa, kaj internacia fervojfaka Esperanto-movado.

En sia 33-a jaro li estis elektita vicprezidanto de IFEF (1968-1972). Li partoprenis multajn divers-specajn Esperanto-kongresojn, kaj plurfoje li faris valorajn prelegojn en tiuj. Lia valora laboraĵo estis la traduko de la „Internacia Konvencio pri la Fervoja Vartrafiko” al Esperanto. Aktive li partoprenis en la laboro de la Terminara Komisiono de IFEF. Li estis ĉefredaktoro de la faka revuo *Jugoslavia Fervojisto*. Li organizis IFEF-kongreson (1986 en Skopje). Post la civitana milito li reorganizis la fervojistan E-movadon en la transformiĝanta ŝtato. Li estis membro de la Esperanto Instituto en Beogrado.

Por lian dumvivan multflankan laboron FISAIC distingis lin per ora medalo, krome li estis Honora Membro de IFEF.

Ripozu en paco!

**IFEF**